# AktivAmeriko

http://www.geocities.com/espameriko

UEA-Komisiono por Ameriko

Novaĵletero - N-ro 5, Decembro/2000


## Meksikurbo, 15-21 Apr. 2001

Kongresa temo: "Ameriko: unu kontinento, diversaj historioj

5a Tut Amerika Kongreso de Esperanto

Jam aperis detalriĉa Dua Bulteno por la Kvina Tutamerika Kongreso de Esperanto, de la 15-a ĝis 21-a de Aprilo, en Meksikurbo. Eblas konstati, ke la partoprenontoj ne bedaŭros la okazon renkontiĝi kun multaj esperantistoj el amerikaj landoj kaj eksterkontinentaj. Cetere, laŭ la kultura kaj ekskursa programo, la kongresano povos konatiĝi, dum tiu relative mallonga periodo, kun la famkonata festa karaktero de la meksika popolo. Unu el la elstaraj eroj de la programo kaj Postkongreso estas vizito al gravaj arkeologiaj lokoj en Meksikurbo, Oaxaca, Gelageco, Mitla kaj Monte Alban.

La kongresa kotizo estas pagebla al UEA-konto mefa-h. Adreso: Meksika E-Federacio Apartado Postal M-10576 - MX-06000 - Mexico, D.F. kaj retpoŝte tra gelar@data.net.mx. Aktualaĵoj kaj aliĝilo en la TTT-ejo de MEF: http://www.punto-y-aparte.com/esperanto.

## Ameriko en Israelo

La iom pli fora kaj relative malgranda UK en Telavivo, Israelo, povus signifi malmulte da amerika aktivado. Malgraŭ tiu supozo, la malo okazis. Amerikanoj estis multaj kaj multaj el ili partoprenis la dumkongresajn amerikrilatajn aktivaĵojn.

Plian fojon nia Komisiono starigis Amerikan Budon, en kiu oni informas pri esperantaj iniciatoj en la amerika kontinento. Ĉijare organizita sub la respondeco de Brazilo, la Budo okazigis la tradician vendadon de amerikaj artaĵoj kaj disdonadon de bultenoj kaj informiloj. Grupo Nova Erao (Brazilo) favorpreze liveris arte kaj alte kvalitajn T-ĉemizojn al vendado. La sumo kolektita de ĉiuj vendoj kaj donacoj estis eksterordinare granda (ĉ. 1000 guldenoj) kaj ĉijare aplikiĝos al la aĉetado de lernolibroj por hispanlingvanoj. La Budo plenumis sian plej gravan rolon, nome informi kaj respondi al multaj demandoj pri kluboj, rondvojaĝoj, kontaktoj. Aparte granda estis la interesiĝo pri la kongresa urbo de 2002, Fortaleza (Brazilo) kaj pri la tiulandaj vizitindaĵoj, lige kun vizitoj al aliaj landoj en Sudameriko.

Kiel memoraĵon, aĉetintoj kaj donacintoj ricevis plastan paĝomontrilon speciale faritan kun propagando de Fondaĵo Ameriko de UEA kaj de la Komisiono, donace ofertitan de esperantisto al la Fondaĵo por tiu okazo.

(daŭrigo sur. paĝo 3)

## Karaj legantoj!

Plia jaro (jardeko, jarcento) pasis en la vivo de esperantistoj. Vi legos, ke oni havis speciale aktivan jaron, kun multe da kontaktoj kaj interŝanĝoj. La baldaŭ alvenonta nova jaro jam montras sin promesplena, kun la Kvina Tutamerika Kongreso tuj en Aprilo. Laŭeble estu preta partopreni agadojn amerikajn! Bondeziras al vi nome de la Komisiono por Ameriko

**La redaktanto**

## Memoroj pri Latinameriko

Latin-Amerikanoj! Mi amas vin! Lastatempajn jarojn, kiel ne-juna virino vojaĝanta sola kaj nelukse, mi vizitis Centran Amerikon dufoje kaj Meksikon, Kolombion, Ekvadoron, Bolivion, Ĉilion, Peruon.

Honduraso: Eĉ la vojaĝagento surprizegis kiam mi petis bileton al Tegucigalpa. Kien? Kie ĝi estas? Tegucigalpa. Diru ĝin laŭvorte. Poezio. Ĉu ne ĉiu volas iri al Tegucigalpa? Honduraso estis ankaŭ mia unua renkontiĝo kun vi, latinamerikanoj - amikemaj, ĉiam helpemaj, ĉiam paciencaj pri mia aĉa hispanparolado.

Panamo: Tie mi sentis min multvalora pakaĵo. Tra la tuta lando zorgeme transdonita de hotelo al aŭtobus-ŝoforo, kaj ofte kunpasaĝero eskortis min al taŭga hotelo en nova urbo. En "danĝera" Panam-urbego la juna hotel-sekretariino ĉiam kontrolis, ke mi havu la ĝustan portelefonan moneron, kun la ordono telefoni al ŝi se mi troviĝos en malfacilo.

Kostariko: En San José, Hugo Mora penis klarigi la komplikajn dom-adresojn de la urbo. Mi taksas la detektivan lertecon de la leterportisto por liveri poŝtaĵon ĉe la ĝusta domo (li devas danki al la uzado de retpoŝto fare de Esperantistoj).

Nikaragvo: Tiel malriĉa kaj kun nenia motivo por fidi al fremdlandanoj, tamen ĉiam bonvenigema. Mi memoras la bonegan hartondon po unu dolaro en la konata Masaya-bazaro, hartondo kun multaj ridoj. Ankaŭ memorenda la amikema hotelo (en Masaya) kie la tre malmultekosta prezo inkluzivis luksan matenmanĝon. Sed en la ĉambro troviĝis nur lito, tute nenio alia krom unu najlo martelita en la muron. Kion pendigi? Mian pordimanĉan robon? Sunĉapelon? Ĉemizon, por ke ĝi senplisigu dum la nokto? Finfine mi decidis pendigi la malsekan bantukon.

(daŭrigo sur. paĝo 3)

# Dek ok plenplenaj semajnoj

Ne estas facila tasko ordigi ĉion, kion mi spertis, vidis, aŭskultis, sentis... dum tiu paradokse mallonga periodo. Fine de Aprilo, mi alvenis al Nederlando kaj en Hago mi restis dum unu semajno, kiel volontulo ĉe Internacia Esperanto-Instituto. Krom la ŝanco alkutimiĝi al ne tiom amikema vetero, jen la ebleco scii iom pri tiu Instituto kaj ĝia ĉiutaga funkciado.

Post tiu semajno, mi iris al Roterdamo, por respondi al la plej oficiala, ni diru, celo de mia vojaĝo: volontuli ĉe la Centra Oficejo de UEA. Dum tri monatoj mi ĉiutage interrilatis kun la oficistoj de tiu asocio; mi ekkonis ĝian funkciadon kaj, ĉu dum kafo-paŭzo, ĉu dum TEJO-kunveno, mi konis la veran situacion de Esperanto. Ni mem, volontuloj, elturniĝas. Des pli kiam temas pri tiom scivolema homo kiel mi. Kaj tiu "elturniĝo" signifas nenion alian ol demandi, observi; observi kaj demandi. Tion mi faris diligente.

Fine de julio mi forveturis al Israelo por ĉeesti la 85-an Universalan Kongreson de Esperanto, kiu por mi estis la unua. Miaj ĉefaj aktivecoj estis: deĵori ĉe la Amerika Budo informante kaj ĉefe varbante, kaj por la 5-a Amerika Kongreso en Meksiko kaj por la 87-a U.K, kiu okazos em Brazilo; oficiale fariĝi Cseh-instruisto post A-Seminario; ĉeesti kelkajn kunsidojn kaj prelegojn, el kiuj mi, se ne pli informita, certe pli realisma eliris.
Sed plej reliefindaj ol ĉio estis la homaj kontaktoj: babili kun iu armeno en la koridoro; aŭskulti opiniojn de iu franco pri la instruado de Esperanto; demandi ion alian al germanino; umi tra la urbo kune kun homoj el la plej diversaj kaj malproksimaj landoj de la mondo parolante nur unu lingvon, kiu ne estas la oficiala lingvo de iu ajn el ni. Kaj mi diras ke tio pli gravas ol ĉio alia, ĉar nur tiel oni sentas la efikecon de Esperanto. Pro tio, ne nur indas, sed vere necesas instigi tiun volontuladon (kaj ĉe UEA, kaj dum la diversaj Esperantaj aranĝoj tra la mondo). Nur tiel oni povas senti ke tiu lingvo lernita de ni, tiom bone funkcias. Kaj, samtempe, oni faligas tiom da mitoj koncerne ĉu al la lingvo Esperanto mem, ĉu al ĝiaj uzantoj, ĉu al ĝia movado.

Por ke ni, por Esperanto kaj nome de Esperanto, plej sukcese aktivu em niaj landoj, regionoj aŭ eĉ kontinentoj, ni unue devas scii pri la realo de Esperanto em la mondo. Kaj tio inkluzivas la funkciadon de diversaj organizoj (ĉefe de UEA), la homojn mem kiuj uzas aŭ nur aprobas tiun lingvon kaj similajn aferojn. Se tio ĉi estis la celo de tiuj, kiuj ebligis mian vojaĝon al Eŭropo, mi certas, ke mi pozitive respondis al ĝi.

Post la Kongreso, mi iris al Britio por la 40-a Somerlernejo en Barlaston, kie, dum unu semajno, mi instruis Esperanton. Estas nemezurebla kontenteco pli kaj pli percepti la bonajn rezultojn de mia laboro kiel E-instruisto; kaj pli ol tio, pro la gratuloj de la ĉefa organizanto de tiu tradicia kurso, s-ro Paul Gubbins, kaj de la lernantoj mem.

Sekve al tio, mi veturis al Francio, por fari B-Seminarion, kiu okazis em Sète, dum Esperanto-staĝo. Kaj jen mi, tuj post tiu semajno, ĉe la Mediteraneo, apud alia maro, nome la Nigra. Jes, Bulgario min ricevis okaze de TEJO-Seminario, dum kiu mi instruis al internacia lernantaro, kaj partoprenis diversajn diskutojn kaj debatojn.

Nun, kiam ni atingas la finon de tiu ĉi raporto, mi, jam konfesinta al vi mian nediligentecon, nun konfesas (kaj pro tio pardonpetas) kiom malplena ĝi estas. Sed, male ol la nediligenteco, rilate al tio oni povas fari nenion. Eĉ se mi verkus tutan libron, aŭ dum tagoj parolus, mi neniam sukcesus bildigi ĉion de mi spertita. Neniam estus eble al mi traduki en vortojn tiom da diversaj ridoj kiujn mi vidis; voĉoj, kiujn mi aŭdis; frazojn al mi diritaj; opiniojn kaj manierojn koncepti la homon, la vivon, la lingvon... Dankema al ĉiuj, kiuj ebligis ĉion ĉi, ne nur al mi, sed al la lando kaj regiono de kie mi venas, kaj ankaŭ al nia Esperanta vivo mem, mi finas, pardonpetante pro tiuj netradukeblaĵoj.

**Isacir Andreoni** (Brazilo)

*(daŭrigo de "Latinamerikaj memoroj")*

Meksiko: Mi estis tie ĉijare dum la voĉdonado por nova prezidento kaj ĉeestis politikan kunvenon subĉielan. Mi, laŭ nia ĝentila kutimo, alvenis ĝustatempe, S-ro Fox du horojn poste. Tiam la amaso, ankoraŭ pligrandiĝanta, estis freneza pro ekscito, instigita ĝis histerio de teamo surpodie por ĉi-tiu celo. Viro apud mi, diris ke ĝi estis fenomeno neniam antaŭe vidita en Meksiko. Neniu povis aŭdi vorton, kiun Fox finfine deklamis, sed ne gravis. Estis karnavalo. Mi, ankaŭ, revenis hejmen kun PAN-standardo kaj Presidente Fox-insigno.

En Oaxaca, kun la ĉarma Aurora Garcia mi vidis la vidindaĵojn, kiujn ankaŭ vi vidos dum la venonta post-kongreso. Kune ni vizitis proksiman vilaĝon kie ni gustumis la lokan specialaĵon: glaciitan lakton kun frukto de kakto. Pastro Claramunt invitis min al sia preĝejo kie okazis festivalo kaj mi vidis la tradician "Baile de Canastas", ekstere, senkonsidere la pluvegon.

Kolombio: Neniam mi sentas min pli ekster-danĝero ol en la lando, pri kiu kelkaj diris esti la plej danĝera en Sud-Ameriko. Kvankam li estis esperanta ke mi estus Maoria (Polinezia) belulino, Ruben Torres bonvenigis min varmege kaj ĉiuj samideanoj en Cali estis amuzaj kamaradoj ĉe ekskurso en la kamparon. Ni vizitis la "hacienda"n de Maria kaj ploretis apud ŝia tombo. Mi vidis ankau' la tombon de la ĉevalo de Simon Bolivar.

Ekvadoro: Mi sincere esperas ke la pacienca loĝantaro ne ankoraŭ starvicas ekster la bankoj por repreni sian propran monon.

Bolivio: La plej aventur-plena lando inter ĉiuj (post la azilo de Freddy kaj Tomoko Petrov en Cochabamba). La vilaĝ-aŭtobuso lasis min, post noktomezo, staranta sur la ĉefvojo, sen lumeto de log'ejo. Mi povas nur dermandi je la malpleneco, "Donde esta la plaza?". Kiel mi scius ke la tiea oficiala veturilo estas motorciklo? Afabla indiĝena virino aperis kaj diris, diris, petegis min kompreni: "Moto, moto taxi". Kiam mi alvenis ĉe pensiono, en la vilaĝo kelkajn kilometrojn malproksima, je preskaŭ la dua matene, neniu surpriziĝis.

Gvatemalo: Iu antaŭa vizitanto skribis pri Puerto Barrios ..."Aĉa", sed por mi la urbeto estis plena da historio kaj, sendube, da rakontoj pri la tagoj kiam la banano-Mogoloj regis. La sento de historio kaj nostalgio estis preskaŭ alpebla aparte en la Hotel del Norte. Ĉu mi ne flaris la cigarojn de sinjoroj sidantaj tie, diskutantaj prezojn, kaj sinjorinoj kiuj ne estis iliaj edzinoj?

Danke al Esperantistoj mi lernis iom pri ĉiu lando. Mi ne sentis min turisto sed bonvena gasto.

*Agnes I. Bray*
Novzelando

*(daŭrigo de "Ameriko en Israelo ")*

La kutiman publikan kunsidon okazis je la 27-a de Julio, kun plena salono. La reprezentantoj de Venezuelo (Juan Bachrich), Usono (Dorothy Holland), Kubo (Maritza Gutierrez) kaj Brazilo (James Piton) parolis pri lastaj atingoj kaj stato de la movado en siaj landoj. La Komisiito Atilio Orellana Rojas raportis pri Dominika Respubliko. Phillipe Chavignon estis invitita paroli pri la planoj de nova vizito al Mezameriko.

La ĉeestantaj anoj de la Amerika Komisiono la 30-an/Jul. okazigis sian laborkunsidon je plena tagordo, i.a. kun partopreno kaj kontribuo de iama komisionano Symilde Schenk Ledon. La temoj estis ĉirkaŭ la stipendioj por la venonta jaro kaj novaj formoj havigi rimedojn por Fondaĵo Ameriko de UEA.

Refoje la Amerika Budo ne estus sukceso sen la aktiva partopreno de amikoj de la Komisiono. Ĉu per donacoj, ĉu per nemalhavebla ĉeesto kaj deĵorado, ĉu per simplaj kuraĝigaj vortoj, esperantistoj de la tuta kontinento, kun aŭ sen movadaj postenoj, respondis al nia alvoko kaj montris sian kunlaboremon.

Kun la timo iun nomon forgesi, ni devas danki al ges-roj Juan Eduardo kaj Maria Bachrich (Venezuelo); Sergio Falchi (Urugvajo); Maria Almada; Symilde kaj Gilbert Ledon; Estácio, Shirlene kaj Adair el Grupo Nova Erao; Isacir Andreoni (Brazilo); Dori Wheeler, Rochelle Grossmann; Pamela Lieber, Dorothy Holland kaj Bill Maxey (Usono), kiuj kontribuis por tiu aranĝo. Ankaŭ al multaj donacintoj kiuj surloke anonciĝis, koran dankon!

**Esperanto-glumarkoj**
Joe Basílio Costa, el Formiga (Brazilo), profesia produktanto de glumarkoj kaj diverstipaj propagandiloj, donace oferis al nia Fondaĵo kvanton da belaj porfenestraj glumarkoj kaj magnetaĵoj kun E-temoj originale kreitaj de li. Tiu materialo disvendiĝos en Amerikaj budoj dum E-aranĝoj kaj dum Universalaj Kongresoj, favore al UEA-Fondaĵo "Ameriko". Koran dankon al la malavara donacinto!

## Donacoj al FONDAĴO AMERIKO de UEA

(sumoj en eŭroj registritaj ĝis la 31-a de oktobro)
Aŭstralio: D. McCarney 49,94 Brazilo: Brazila E-Ligo 660,43; M. Borges dos Santos 67,00; S. S. Ledon 55,04; J J. R. Piton 144,69 W. Ventura Rego 58,00 Britio: M. H. McClelland 5,46 Finnlando: T. Sormunen 50,00; A. Karkiainen 84,09; S. Mynttinen 957,50 Meksiko: J. Rosillo 60,00 Svedio: B. Andreasson 60,80; J. Hammarberg 48,00 Venezuelo: J. E. Bachrich 100,00; M. Bachrich 100,00 (laŭ Oficiala Informilo de UEA). Koran dankon al ĉiuj donacintoj!
Donacojn oni povas sendi al landa kotizperanto aŭ rekte al Centra Oficejo de UEA Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando. La manierojn transpagi vi trovos en la paĝo 40 de Jarlibro 2000. Ne forgesu klare indiki, ke via donaco celas FONDAĴON AMERIKON. Antaŭdankon!

## EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'

**Argentino**

En Puerto Iguazú, ĉe la landlimoj kun Paragvajo kaj Brazilo, Saenzpenja E-Klubo organizos de la 18-a ĝis 21-a de Januaro 2001 Someran Esperantistan Tendumadon. Rete: p/ Tony Stacul <crispin@sp-ipci.com.ar>.

**Brazilo**

Enciklopedio Simpozio, kreita de FAT-Filozofia Asocio Tutmonda kaj kunordigita de Prof-ro Evaldo Pauli, estas oficiale ligita al Federacia Universitato de Santa Catarina, suda provinco de Brazilo. Ĝi estos laŭgrade enretigita kaj konsultebla ĉe la adreso http://simpozio.cjb.net. Specimeno de la artikoloj aperas, de pli ol 17 jaroj, en la numeroj de la organo de FAT, "Simpozio" (Rua dos Surfistas, 144 - Florianópolis-SC - BR-88063-000).

Dum internacia odontologia kongreso kun 40 mil partoprenantoj (14-18 Julio 2001), esp-istoj en Rio starigos standon. La laboron kunordigas Aldenora Mendonça das Mercês, kun la helpo de AERĴ (E-Asocio de Rio) kaj BEL. Diversaj materialoj por la stando kaj deĵorpretaj homoj estas bonvenaj. Adreso: Trv. Elvira, 71 - BR-26280-560 - Nova Iguaçu-RJ -Tel. +55 (21) 695 3536.

**Kanado**

Membroj de Kanada E-Asocio (http://www.esperanto.ca) ricevas senpagan ekzempleron de "Esperanto en la Moderna Mondo". Kelkaj el ili donacis sian ekzempleron al lokaj bibliotekoj.

E-Societo Kebekia invitas volontulojn dediĉi sin al korektado de lecionoj en la retkurso por franclingvanoj. Necesas scipovi la francan. Oni kontaktu la respondeculon Marc Lavertu <kebek@videotron.ca>.

**Kolombio**

La junulara A.B.E.J.A. (http://abeja.go.to) entuziasme efektivigis lastaŭguste (do la saman jaron de sia naskiĝo), sukcesan kongreson.

**Kubo**

KEA sukcese organizis la 4-an Nacian Seminarion pri Apliko de Esperanto en Scienco kaj Tekniko, kun 26 prelegoj. Du el ili estis prezentitaj ĉe Kuba Asocio por Unuiĝintaj Nacioj, hispanlingve, fare de Maritza Gutiérrez kaj Juan Ramón Rodríguez Gómez, pri Esperanto, kulturo kaj tutmondiĝo, kaj pri sciencteknikaj informrimedoj por esperantistoj. Same sukcese realiĝis la 9-a Nacia Seminario por E-Instruistoj, en Julio.

**Paragvajo**

Movado ekzistis en tiu lando antaŭ jardekoj. Nun retaj kontaktoj ekzistas kun perkorespondaj lernantinoj de Esperanto, danke al Atilio Rojas, Rubén Torres (Kolombio) kaj Jozefo Pacheco (Brazilo). Ĉi-lasta intencas baldaŭ viziti la landon kaj kontakti ilin.

**Urugvajo**

Por interŝanĝi ideojn pri projekto inter gestudantoj de medicino, per internacia lingvo kiel esperanto, Sandra Burgues Roca (sburgues@fmed.edu.uy) bezonas kontakti esperantistajn medicinstudantojn en diversaj landoj. Leteroj al S. Burgues Fakultato de Medicino, Katedro Historio pri Medicino, telefono/fakso +598 (2) 924 3414/3274 - Avda. Gral. Flores 2125 - UY-11800 Montevideo.

(kompilita laŭ informoj de la respektivaj landaj komisionanoj)

EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'


# AktivAmeriko

novaĵletero de UEA-Komisiono por Ameriko
aperas dufoje en la jaro (Jun kaj Dec)



*Redaktanto*
James Rezende Piton
✉ Av. João Batista M. do Canto, 257/J2
Campinas (SP) , BR-13031-210, Brazilo
☎ kaj 🖷 +55 (19) 3272 5212
*james.piton@iname.com*

*UEA-Komisiito por Ameriko*
Atilio ORELLANA ROJAS
✉ Riouwstraat 172, NL-2585 HW
Den Haag, Nederlando
☎ +31 (70) 355 6677
🖷 +31 (70) 358 4422
*iei001@worldonline.nl*


*KOMISIONO*

UEA-estrarano (Landa Agado)
Renato CORSETTI (Palestrina, IT)
Argentino
Rubén DIACONU TKACHENCO (S.Peña)
Brazilo
James REZENDE PITON (Campinas)
Kanado
Suzanne CARON-RICHER (Ottawa)
Kostariko
Hugo MORA POLTRONIERI (San José)
Kubo
Juan Ramón RODRIGUEZ (La Habana)
Meksiko
Leonora TORRES y TORRES (México)
Urugvajo
Eduardo TRAPANI (Montevideo)
Usono
Bill MAXEY (Powhatan)
Venezuelo
Juan Eduardo BACHRICH (Caracas)

**UEA-Komisiono por Ameriko**

Estas necese sendi legomaterialon al kelkaj landoj de Meza Ameriko. Se en viaj bibliotekoj aŭ en la biblioteko de viaj kluboj troviĝas duoblaĵoj, bv. informi la Komisiiton pri la titoloj. Li indikos kion sendi kien, kaj Fondaĵo Ameriko kovros viajn sendokostojn.